


N-ro 25 20.4.1973 kvina jaro, n-ro 2

Afergvidanto de AREK: Ivar PAULSSON, Algatan 3, S-171 33 SOLNA (Svedujo), p.ĉ.k. 51 57 85-4; redaktoro de "Fenikso": d-ro Antonio DE SALVO, via Olbia 15, I-00182 ROMA (Italujo).

## SPEZRAPORTO 1972

Dum 1972 pagis kotizon 45 membroj, do entute oni enkasigis la egalvaloron de 315 respondkuponoj; plie, ekzistis kas-enhavo de 60 respondkuponoj. La elspezoj ĝis "Fenikso" 22 forprenis la tutan sumon, ankaŭ ĉar kelke da mono oni perdis ĉe R.Jensen, kaj oni havis ekstrajn elspezojn por komuniki la morton de Jensen al la membroj.

laŭ indikoj de Ivar PAULSSON, Solna, Svedujo

## LEGANTOJ SKRIBAS

"Pri la krakova stampo de 1912 devus alveni aliaj opinioj, kondiĉe, ke ili estu seriozaj kaj kontrolitaj la eldiroj. La rolo mem de "Fenikso" devas esti, klarigi kio estas nebulema koncerne la esperanto-filatelaĵojn. Pro tio ĉiuj opinioj estas akceptindaj, sed la tono devas nepre resti korekta kaj afabla. La artikoloj ne devas esti polemikemaj: diskuti, JES, disputi, NE"

Jean AMOUROUX, Perpignan, Francujo

FRANCAJ EMINENTULOJ sur poŝtmarkoj

Jen listo de francaj eminentuloj, favoraj al la ideo de internacia lingvo aŭ apogintoj de esperanto, kiuj estas honorigataj per poŝtmarkoj. Sendis ĝin s-ro Jean AMOUROUX el Perpignan; la redaktoro aldonis la numerojn de la pm, laŭ katalogo Yvert:

I- PRI INTERNACIA LINGVO: DESCARTES (341, 342); MONTESQUIEU (853); VOLTAIRE (854); Raymond POINCARE' (laŭ "La Movado) (864, ekzistas ankaŭ sendenta); Camille FLAMMARION (por la latina, laŭ la "Bibliografio" de Stojan/1929) (1057, ankaŭ sendenta).

II- APOGINTOJ DE ESPERANTO:

El la alta protektantaro de la 10-a U.K. - Parizo 1914 - Komandanto DRIANT (1052, ankaŭ sendenta), Henri FARMAN (638, 1670 ankaŭ sendenta); Doktoro ROUX Emile (993 ankaŭ sendenta), Albert THOMAS (1500) deputito, kiu poste fariĝis Prezidanto de la Internacia Labor-oficejo/I.L.O./ en Ĝenevo, nobelpremiita pri Paco;

Favora voĉdono de la "Franca Akademio de la Sciencoj (1.6.1924); subskribis interalie: Maurice DE BROGLIE (1627 ankaŭ sendenta), Generalo FERRIE (847), Louis LUMIERE (1033 ankaŭ sendenta), Jean PERRIN (821 ankaŭ send.), Doktoro Hyacinthe VINCENT (1350 ankaŭ send.), Doktoro WIDAL (1143 ankaŭ send.), Edouard BRANLY (1626 ankaŭ send.), Jean CHARCOT (377, 377 A, 1259 ankaŭ send.), Princo ALBERT Ia de Monako (pm en Monako: de 11 ĝis 25, 44/47, 51/54, 70/72, 111/113, 247, 328, 351, 702, 805, aerpoŝto 39 kaj 41, pun-markoj 8/12; pluraj el la supraj pm ekzistas ankaŭ sendentaj);

EL la protektantaro de la "Internacia Konferenco Esperanto en la moderna vivo", Parizo 1937: Jean

PERRIN (jam citita), Léo LAGRANGE (1120 ankaŭ sendenta), ESNAULT-PELTERIE (1526 ankaŭ send.), Paul LANGEVIN (820 ankaŭ send.), Louis LUMIERE (jam citita), Edouard BELIN (1708), Henri FARMAN (jam citita);

La internacia Kongreso "Nova Eduko" - Parizo 1946 - ankaŭ unuanime voĉdonis favore al Esperanto. La kongreso havis memorigan poŝtan stampon (ne esperantan);

El la patrona komitato de Internacia Scienca Asocio Esperantista, laŭ la "Enciklopedio de Esperanto", 2-a volumo, p. 484: BECQUEREL (749 ankaŭ send.), Henri POINCARE' (mi ne sukcesis trovi francajn pm-ojn pri li, sed ili evidente ekzistas; kiu kapablos helpi? noto de la redaktoro), Louis LUMIERE (jam citita);

Honoraj protektantoj de esperantistaj grupoj, laŭ "L'Essor de l'Espéranto": Jules Verne (E-Grupo Amiens; pm en Francujo 1026 ankaŭ send.; en Monako 428, 429, 433, 435, 436, aerpoŝto 60), Marŝalo JOFFRE (454);

Alta protektanto de la 42-a U.K., Marsejlo 1957: Prezidento COTY (kiuj pm ekzistas?);

Favoraj publikaj deklaroj: André HONNORAT (en la antaŭparolo de lia tradukita verko en Esperanton) (1277 ankaŭ sendenta), Maryse BASTIE'(al s-ro Ernest Archdeacon, aviada pioniro kaj eminenta esperantisto)(aerpoŝto 34 ankaŭ send.).

Estis ankaŭ nomataj "apogintoj de Esperanto" sen detalaj priskriboj: Marcellin BERTHELOT (laŭ "La Movado" de oktobro 1927) (243), Paul DOUMER (laŭ "La Movado" de junio 1932) (292), Albert CALMETTE (laŭ la "Ora Libro de la Esperanto-Movado" eldonita de la kongreskomitato de la 29-a U.K., Varsovio 1937, p. 215) (814).

Aldonoj kaj korektoj al la listo estos bonvenaj.

ĈU NOVAJ/██ MALNOVAJ E-STAMPOJ?

Sinjoro Roman Wiktor RUTKOWSKI (poŝtkesto 147, 85-950 BYDGOSZCZ, Pollando), konata kaj serioza E-filatelisto, skribis al la redaktoro, interalie, la 24-an de februaro: "ĉu vi scias jam pri la ekzisto de 5 apudstampoj (oficiale poŝtaj) uzitaj en CIESZYN, Pollando, okaze de la Internacia Semajno de Korespondado en jaroj 1961, 1962, 1963, 1965 kaj 1967? Se pri tio ankoraŭ ne aperis informo en "Fenikso" mi povos sendi ion je tiu ĉi temo. Mi mem ne havas tiujn ĉi stampojn, sed mi legis pri ili en pollingva filatela libro, kiu priskribas ĉiujn polajn stampojn uzitajn okaze de la Semajno de Internacia Korepspondado en la jaroj 1957-1967, kun ilustraĵoj".

Espereble, ni povos publikigi pliajn detalojn en venonta numero de "Fenikso".

ELIOPULOS MALSANAS. Nia membro Lic. Kimon G. ELIOPULOS el Nova Smirna, Gregujo, skribis al la redaktoro la 28-an de februaro: "Jam de multaj monatoj mi estas en hospitalo, interalie kun angora sindromo; mia malsano malebligis al mi plenumi miajn devojn. Multaj skribas kaj reskribas al mi, protestante, ĉar mi interrompis rilatojn; sed apenaŭ mi eliros el la hospitalo mi reprenos sur min tion, kion mi devige forlasis; mi ankaŭ esperas, ke mi povos pluriĉigi mian kolekton".

Ni bondeziras baldaŭan resaniĝon!

NOVA MEMBRO n. 55 : Richard HIRSCH, Lamertstr. 12, D-6430 BAD HERSFELD, Federacia Respubliko Germanujo; kolektas stampojn.

E-STAMPO EN TORONTO, Kanado, okaze de la SAT-Kongreso, estos nur se sufiĉe da interesitoj petos tion; agu rapide!

STANISLAV KOSTKA NEUMANN, POETO kaj ESPERANTISTO

Kiel memorigas la gazeto "Starto" (n.6/1972), inter la 25 personoj, kiuj kunvenis la 9-an de decembro 1902 en la praga restoracio "U Ŝtajgrů" por fondi la Esperantistan Klubon en Prago, troviĝis ankaŭ la fama poeto S. K. Neumann (kies portreton oni povas vidi en la 2 poŝtmarkoj eldonitaj de la ĉeĥoslovakaj poŝtoj en 1950, okaze de la 75-a datreveno de la naskiĝo; numeroj 546 kaj 547 laŭ katalogo Zumstein).

La figuro de S.K.Neumann estis, pro tio, inde rememorita la 25-an de novembro 1972, okaze de la solenaĵoj sub la devizo "70 jaroj de Esperantista Klubo en Praha - 70 jaroj de la Neumann-eca tradicio", en la Kulturdomo "Gong" en Praha-Vysočany. Post prezentado de la poemo de Neumann "Printempa anonciacio", estis rememorita la poeto, kies personeco sendube pioniris ĉe la unuaj paŝoj de la klubo, ne unufoje suspektata de la monarkiaj aŭtoritatoj pro sia politika avangardemo kaj fine, en 1914, dissolvita. Pri la aranĝo amplekse raportis "Starto" 8/1972.

Biografion de S.K.NEUMANN tiel skizis por "Fenikso" nia membro Vladimir BREJNIK: "Li naskiĝis la 5-an de junio 1875 en Praha; ĉi tie, dekokjara, li komencis, kiel redaktoro de "Hlas Nàroda" (Voĉo de la Nacio) sian batalon kontraŭ subpremado. Tiam la lando apartenis al la aŭstra-hungara monarkio. Neumann kreis grandan vicon da poemoj, prozon, kaj tradukaĵojn. Liaj poemoj sonis atakeme, sarkasme, lia artisma esprimo estis sen kompromisa, sed samtempe li estis modesta homo, kun simpla koro. Li kunfondis la E-Klubon en Prago, kaj estis ĝia komitatano dum sia restado en la ĉefurbo; ankaŭ post la ŝanĝo de loĝejo, li restis fidela esperantisto.

Li mortis la 28-an de junio 1947".

KIO ESTAS KLAVARSKRIBO?

En pasinta numero de "Fenikso" ni anoncis la afrankstampon uzatan en SLIKKERVEER, Nederlando, kaj petis detalojn; ilin ĵus sendis nia membro Gustave CHAMARET (kiu petas, interalie, ke oni atentu pri lia nova adreso: 59 rue Jean Jaurés, St Aubin Les Elbeuf, F-76410 Cleon, Francujo). Jen la informoj pri la meĥanika ruĝa afrankstampo "Klavarskribo,"ricevitaj skribante al la koncerna instanco:

Klavarskribo estas perfektigita notacio por ĉiuj diversaj muzikoj; ĝi ne baziĝas sur muziko aŭ muzikaj fenomenoj de tiu aŭ alia epoko; per sia simpleco, klavarskribo prezentas, per sinoptika metodo kaj facile legebla, kiujn ajn nuntempan kaj antaŭan muzikon. La Instituto Klavarskribo, en Slikkerveer (Nederlando), fondita en la jaro 1932, uzas la ruĝan poŝtstampon depost januaro 1965; ĝi estas ankoraŭ uzata.

La desegno de la poŝtstampo montras, en la maldekstra parto, la registritan markon:
- en la supra parto: KLAVARSKRIBO
- sube: la muzika notacio
- sube: la klavaro.

La adreso de la Instituto estas: Klavarskribo, Benedenrijweg 355, Postbus 39, Slikkerveer, Nederlando; oni korespondas ankaŭ en esperanto (tion oni oficiale indikas ankaŭ sur la pap ero de la letero).

GERMANAJ TUTAĴOJ

Laŭ indiko de nia membro Werner SIMON el Memphis, Usono, en 1927 kaj 1932,laŭ privata mendo, oni faris en Germanujo bildkartojn kun Esperanto-teksto kaj enpresita poŝtmarko; ili estas, sendube, tre malfacile troveblaj hodiaŭ. Kiu povas helpi?

Filatela ekspozicio pri Esperanto-temaro okazis en Hradec Kràlové (Ĉeĥoslovakujo) fine de marto;

partoprenis ĝin la membroj de AREK W.S.MAJEWSKI kaj B.WASILEWSKI, el Pollando, kaj D.BARTOŜIK el Ĉeĥoslovakujo. Detaloj espereble sekvos en venonta numero.

ANKORAŬ PRI LA KRAKOVA STAMPO

Mi skribis al s-ro Burmeister demandante, ĉu la ne esperantisto havis stampon aŭ stampilon; ŝajnas al mi, ke li volis paroli pri la stampilo mem. Mi posedas kelkajn ekzemplerojn de la Krakova stampo, kiujn mi jam havas depost pli ol 2 ⓞ jaroj, kaj nepre estas aŭtentikaj. Do, mi estas preta kompari dubajn stampojn kun la miaj.

Werner SIMON, Memphis, Usono

ANONCOJ

Vladimir Vàňa, Revolućnì 54, 312 02 PLZEŇ, Ĉeĥoslovakujo, serĉas antaŭ ĉio jenajn E-stampojn: Aŭ 2, Braz 1,2,5,9,13, Bri 3,6,10, Fra 1,5, His 2, Jap 1, Jug 4,8,17,18, Sve 1,2, Svi 1, poŝtkontorajn stampojn kaj rekoetikedojn, krom tio ankaŭ malnovajn E-tutaĵojn. Rekompence li proponas similajn malnovajn stampojn. Antaŭa interkonsento necesas. Krome li ankaŭ aĉetas stampojn, ĉefe antaŭ la jaro 1960, por postulataj prezoj.

Informojn pri glumarkoj, kaj ekzempleron de novaperontaĵoj, oni bonvole sendu al s-ro Gaston TREMON, 31 rue Turgot, F-87 PANAZOL, Francujo, kiu deklaris sin preta DAŬRIGI LA LABORON DE R. JENSEN en katalogado de glumarkoj.

Ladislav Vaniŝ (rekomendita de nia membro V.Vàňa), Slovanskà tř 109, Plzeň, Ĉeĥoslovakujo, serĉas fiŝistajn insignojn; li povas rekompenci per diverstipaj insignoj aŭ alia materialo laŭdezire.

## NOVAJ GLUMARKOJ

Novaj glumarkoj 1972 (daŭrigo)

1. 2-a kongreso de ĉeĥa E-asocio, Ostrava 6-9.5. 1972. Ĉeĥa teksto./ V 30 x 42/ Blanka, verda kaj nigra. Folio 6 x 3 markoj
2. Internacia Libro-jaro 1972. Emblemo de Libro-jaro, koloroj verda kaj nigra sur blanka papero. H 53 x 22/mezuroj de la kadro/ Trpk.
3. 10-a Somera E-Universitato Gyula, Hungarujo, 9-15.7.1972. Bildo de fortikaĵo, verda preso. H 48 x 36, dent.
4. Olimpiaj ludoj München 1972. Bildo: olimpiaj cirkloj; diskoĵetanto kaj spiralo. V, preso 21 x 65, diversaj grandecoj. Negumitaj:
   a/ nigra preso sur arĝenta papero, dent.
   b/ nigra preso sur verda papero, nedent.
   c/ nigra preso sur blanka papero, nedent.
   d/ bruna preso sur helverda papero, nedent.

Novaj glumarkoj 1973

1. 38. novzelanda E-kongreso Maskerton, Novzelando, 4-8.1.1973. H 45 x 39, trê., verda sur blanka papero
2. 28-a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda/ SAT/ Lausanne, Svislando, 21-23.4.1973. Verda kaj blua preso sur blanka papero, dent., gumita. Bildo: E-stelo, siluetoj de montoj, lago kaj velboato.
3. Esperanto-Kongreso Luksemburgo Pentekoston 9-11.6.1973, kun stelo/ 38 x 38/ Nigra preso sur blanka papero, nedent.
4. Sveda E-kongreso, Kalmar, Svedujo, 9-11.6. 1973. Nigra kaj verda preso sur blanka papero. Bildo: mezepoka palaco (el la tempo, kiam

estis unuiĝintaj Danio, Svedio kaj Norvegio), kaj ponto, kiu kondukas al insulo Öland kaj estas longa 6 kilometrojn. La marko havas nevideblan gluaĵon.

5. 25-jara, jubilea Fervojista Esperanto-Kongreso, Aarhus, Danlando, 12-18.5.1973. Verda kaj nigra preso sur blanka papero. ~~Hori~~ Bildo: emblemo de IFEF.

6. glumarko (algluebla al vitroj de aŭtomobiloj) okaze de la 3-a celveturado al la Eŭropa E-kongreso en Luksemburgo, pentekoston 1973. Grandeco 11 x 8,5. Bildo: mapo de Eŭropo kaj stelo interne de stirilo; skribaĵo: I.E.K.A. Internacia Esperanto Klubo Aŭtomobilista ĝermana sekcio Eŭropa celveturado pentekosto 1973. Ricevebla ĉe s-ro Hirsch (nova membro n.55), kiu ankaŭ povas liveri la similajn glumarkojn de la 1-a kaj 2-a celveturado.

Laŭ informoj kaj materialo ricevitaj el Franz Mayer (Frankfurt/M, Okcid. Germanujo), Vladimir Váňa (Plzeň, Ĉeĥoslovakujo), Kurt Lindström (Vällingby, Svedujo), Richard Hirsch (Bad Hersfeld, Okcid. Germanujo).

ATENTU: se vi trovas erarojn en la nova membrolisto, kiu antaŭ kelka tempo estis sendita al ĉiu AREK-ano, bonvolu tuj averti pri tio la afergvidanton (Paulsson) kaj la redaktoron (De Salvo), por ke oni povu fari la bezonatajn korektojn.

Ekzemple, sinjoro Kuijpers (membro n. 40) NE kolektas poŝtmarkojn!

Iu membro protestis, ĉar ni uzis la landajn literojn (ekz. S, NL, A) antaŭ la kodnumero en la adreso, sed ĝi ja nun estas tute kutima kaj oficiala afero, la poŝto mem admonas nin uzi tion. Eble, tamen, en venonta adresaro oni indikos esplicite la landojn.

PROVIZORA ALDONO POR LA ARÆK-KATALOGO

BRI 12 London 1971 31.7-6.8. 56-a UK 53x32

CS 16 Vsetin 1971 25-26.9 Tutlanda E-renkontiĝo 30

FRA 37-1 Lyon T 1971 16-24.4 63-a nacia E-kgr (1er Arr.) ms 45x24

37-01 1971 8-10.4 sama kun supre difektita datstampo

37-2 1971 25.2.-4.4. xxxxx, distanco inter datsta k tekssto 12 xxxxxxxxxxx 7 mm 35 datsta kun (1er Arr)

37-02 1971 5-7.4 sama, distanco inter datsta kaj teksto 12 mm

38 Lyon 1971 11.4 63-a Nacia E-kgr 35

39 Orsay 1971 31.7-6.8 44-a SAT-kgr 36

40-1 Nantes 1972 10.1.-4.4. 64-a Nacia E-kgr (kun H en datsta) ms 45x24

40-2 Nantes 1972 1.4. sama, sen H en datsta

GER 31 Nürnberg 1971 10-11.4 49-a E-kgr 35

32 Braunschweig 1972 19-21.5 50-a E-kgr 36

FI 5 Kuopio 1972 XX 23.7 45-a SAT-kgr

HIS 13 Alicante 1971 19-24.7 31-a Nacia E-kgr 32

14 Vigo 1972 20-24.7 32-a Nacia E-kgr 32

HU 29 Mohacs 1971 11-12.6 Hungara-jugoslava E-renkontiĝo 33

30 Gyula 1971 6-9.7 9-a SEU 33x40

31 Abaliget 1971 17-27.7 4-a IREN 23x45

32 Gyula 1972 9-15.7 10-a SEU 33x40

33 Budapest 1972 17-22.7 E-kulturfestivalo 35

34 Abaliget 1972 23-31.7 5-a IREN 23x45

IT 20 Grosseto 1971 aùg/sept 42-a Nacia E-kgr ms 49x20

21 Pisa 1972 18.9 43-a Nacia E-kgr 39

JA 17 Takamatsu 1972 julio? 59-a Nacia E-kgr 32?
SVE 19 Stockholm 1971 29-31.5 65-a Nacia E-kgr 30
20 Västeras 1972 21.5 66-a Nacia E-kgr 30
L 1 Clervaux 1972 7 okt? Fervojista E-renkontiĝo
AR 3 Cordoba 1972 aprilo? 17-a Nacia E-kgr
USA 1 Portland PS 970 1972 1.5-7.8 57-a UK (Welcomes) ms 43x20
2 Portland 1972 31.7-4.8 57-a UK 33
SVI 8 Lugano 1 1972 8-10.5 24-a IFEF-kgr as 39x20
PO 90 Poznań 1971 8.3 Internacia tago de virinoj 38
91 Kraków 1971 13.6 Koperniko (kunveno de la E-filatela Klubo) 50x32
92 Poznań 2 1971 13-22.6 Jubilea Foiro Poznań 42
93 Międzyzdroje 1971 22-29.6 E-feriAdo 50x30
94 Białystok 1 1971 17-20.7 3-a kulturfestivalo de E-junularo 39
95 Kraków 1 1971 7.11 Grabowski (kunveno E-filatela klubo) pir-forma
96 Kartuzy 1971 15.12 tago de la E-libro 34x36
97 Sopot 1 1972 2.2 "Lernu Esperanton" 44
98 Sopot 1 1972 20.2 Semajno de intern.amik. 34x26
99 Poznań 1972 8.3 Internacia tago de la virinoj 45x30
100 Sopot 1 1972 4.4 Filatela Ekspo/kunveno E-fila klubo 46
101 Sopot 4 1972 5.4 E-muzeo/12-a konferenco E-instruistoj 45
102 Poznań 1972 junio? 41-a Foiro 40x40
103 Torun 1 1972 16.7 28-a TEJO-kgr 42

104 Gdańsk 1 1972 25.7 Postkongr de TEJO kun seminario "Balta maro maro de paco" 49
105 Sopot 1972 12.8 60 j E-poŝta stampo 50x34
106 Sopot 1 1972 23-26.8 Internacia festivalo de kanzono (E-himno) 48x39
107 Międzygórze 1972 20-22.9 8-a E-feriado (sta nur en tri tagoj) 56x35
108 Oświecim 1 1972 30.9 simpozio"E en filatelio" 49x40
109 KraKÓW 1 1972 1.10 60 j E-poŝta sta kaj kunveno E-fila klubo 60x48
110 Olsztyn 1 1972 9-15.10 Internacia Semajno de korespondado
111 Białystok 1972 9-15.10 Internacia Semajno de koxrespondado.

Rudolf Burmeister, Karl-Marx-Stadt (GDR) Aldonoj kaj korektoj estos bonvenaj.

LA TEKSTO DE LA STAMPO BIAŁYSTOK 1972 estas en pola kaj Esperanto; ĝi diras: "Białystok 1 9-15.X. 1972 Miedzynarodowy Tydzien Pisania Listòw / Internacia Semajno de Korespondado"; la bildo montras terglobon kaj leter-koverton.

SUKCESE DISVOLVIĜIS LA SIMPOZIO "Esperanto en filatelio" en Oświecim kaj Krakovo, la 30-an de septembro kaj la 1-an de oktobro 1972, ankaŭ danke al la kunlaboro de nia AREK-ano Rudolf Burmeister; pri la aranĝo amplekse raportis "Der Esperantist", kaj la informilo de la Filatela E-klubo en Krakovo, pri zorgata de s-ro Marian Kostecki, kunaranĝinto de la manifestacio.

NOVA STAMPO ESTIS UZITA EN BUDAPEŜTO la 29-an de decembro 1972, okaze de 2-a VEF